Esperanto-Numismatika Asocio



**Esperanta Numismatiko** 2016 **Jarkolekto 3 - Numero 3**

# NEW INTERNATIONAL ESPERANTO COIN

is valid for purchases in Esperanto-outlets all over the World (included Russia)




**BRILLIANT PROOF**

**OBVERSE:**
Head of Dr. L. L. Zamenhof (1859 - 1917) founder of the Esperanto-language

**REVERSE:**
5 pointed-star (the emblem of the Esperanto-foundation) value 25 Steloj date 1965

| | | |
|---|---|---|
| weight | : | 25 gram |
| metal | : | silver 900/1000 |
| diameter | : | 38 mm |
| number minted | : | ~~10.000~~ 5000 |

**STRUCK AT THE ROYAL MINT IN UTRECHT (HOLLAND)**

Single copy $ 8.00 10 copies $ 75.00

*Sole-distributors:*

**DUTCH COIN COMPANY · J. C. A. LOON**
P.O. BOX 4090 · RIJSWIJK (THE HAGUE) · HOLLAND

# *E N H A V O T A B E L O*

***de julio 2016***




Tajpado & paĝaranĝo: Vivienne Tudts

Provlegado: Jozefo Horvath

Kunlaborantaj redaktoroj: ĉu VI? Dankon!

Finredaktoro: Bert Boon



bert.boon@skynet.be

www.kolekto.esperanto.cc

# *De ni por …ni!*

Karaj gemembroj! Karaj geamikoj!

Antaŭ viaj okuloj nun troviĝas la antaŭlasta numero de la tria jarkolekto; entute do jam aperis 11 numeroj.

Tre bona novaĵo estas la naskiĝo de belega, alloga retejo de niaj geamikoj-filatelistoj de ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista/Amika Rondo de Esperantaĵ-kolektantoj). Granda kaj agrabla surprizo estas la eldono sub "Numismatiko" de tuta kolora paĝo pri ENA. Eblas tie ankaŭ trafoliumi la unuan jarkolekton de "Esperanta Numismatiko", kaj rigardi la kovertojn de la sekvantaj jarkolektoj. Tutkore mi dankas nian Elda Doerfler kaj nian samideanon kaj novan membron el Brazilo James Rezende Piton, kiu vere profesie aranĝas la modelpaĝaron. Gratulojn al ambaŭ geamikoj! Se vi volas viziti la retejon, serĉu ĉe www.kolektado.esperanto.cc .

Cetere ni denove ŝuldas dankon al Elda, kiu ne nur favore al ELF-AREK, sed ankaŭ al ENA, propagandas kaj informas dum la aktuala UK en Nitro. Kaj eble tiel kaj tial ni ankoraŭ ĉi-jare povos bonvenigi la 49-an kaj la 50-an membrojn de ENA. Evidente ni ankaŭ al Elda deziras, ke la membrolisto de la filatelistoj sufiĉe sukcese plilongiĝu dum kaj post la Universala Kongreso 2016.

Ni kompreneble en ĉi numero daŭrigas la sciindaĵojn pri la stelo-moneroj, kaj samtempe ni skizas la historion pri la projekto de Andreo Cseh krei novan monunuon kaj eldoni la dume faman moneron de 25 steloj en kupro-nikelo, arĝento kaj eĉ oro.

Du medaloj en la sama rubriko honoras du grandulojn de nia literaturo, nome Julion Baghy kaj Kolomanon Kalocsay. Ambaŭ medalojn kreis la fama medalisto el Latvio Jānis Strupulis.

En la rubriko "Terminologio" vi trovos novajn terminojn en la kampo de numismatiko. La listo kreskadas kaj estos la bazo de iama aparta eldono de "Numismatika Terminaro", projekto flanke de estonta "Esperanto-Numismatika Katalogo".

Se vi ŝatas malkovri la rikolton de interŝanĝitaj mesaĝoj dum la tri monatoj inter la antaŭa kaj la aktuala numeroj, ni povas denove rekomendi al vi la viglan komunikadon en la rubriko "Retpoŝto".

Agrablan legadon kaj ripozigajn feriojn ni deziras al vi ĉiuj!

Bert

# *M O N E R O J & M E D A L O J*

## La moneroj de 25 steloj (1965)

### A.1. **Tipo C 1 – Internacia Helpa Mono**

La kupronikelaj







| | |
|---|---|
| Lando: Nederlando | Kvanto: 1.000 |
| Metalo: kupro-nikelo (75% kupro, 25% nikelo) | Pezo: 19 g |
| Diametro: 38 mm | Medalisto: A.A. Molenaar |
| Jaro: 1965 | Valoro: 25 steloj |

***Averso:***
Granda, kvinpinta stelo kun valorindiko 25 STELOJ kaj skribo:
"UNIVERSALA LIGO" kun jarindiko 1965
Dekstre de la valorindiko: signo de la monfarejo; maldekstre: signo de la monfarejestro

***Reverso:***
Busto de Zamenhof, rigardanta maldekstren kaj ĉirkaŭa skribo:
"D-ro L.L.ZAMENHOF KREINTO DE ESPERANTO"

***Rimarko 1:*** 

Fiŝo: signo de monfarejestro J.W.A. van Hengel

***Rimarko2:*** 

Merkurbastono: signo de la monfarejo

***Rimarko 3:***
En lia broŝuro "Esperanto-Mono", p.15, Hans Jankowski skribas: "… eldonkvanto 1.000 (laŭ IEI kaj diro de pastro Cseh)."

***Rimarko 4:***
Pro la malgranda eldonkvanto, en la merkato la kupro-nikelaj estas multe pli raraj kaj pli multekostaj ol la arĝentaj.

## A.2. Tipo C 1 – Internacia Helpa Mono

La arĝentaj







Lando: Nederlando

Metalo: arĝento (90% Ag, 10% Cu)

Diametro: 38 mm

Jaro: 1965

Kvanto: 5.000

Pezo: 25 g

Medalisto: A.A. Molenaar

Valoro: 25 steloj

### *Averso:*

Granda, kvinpinta stelo kun valorindiko 25 STELOJ kaj skribo:
"UNIVERSALA LIGO" kun jarindiko 1965.
Dekstre de la valorindiko: signo de la monfarejo, maldekstre signo de la estro de la monfarejo.

### *Reverso:*

Busto de Zamenhof, rigardanta maldekstren kaj ĉirkaŭa skribo:
"D-ro L.L.ZAMENHOF KREINTO DE ESPERANTO"

### *Rimarko 1:*



Fiŝo: signo de monfarejestro J.W.A. van Hengel

### *Rimarko 2:*



Merkurbastono: signo de la monfarejo

### *Rimarko 3:*

La arĝentaj montras la vorton PROOF sub la busto de Zamenhof. La ebenaj partoj estas poluritaj, la reliefaj partoj estas nepoluritaj.



## A.3. Tipo C 1 – Internacia Helpa Mono

La oraj







Lando: Nederlando

Kvanto: 10

Metalo: oro (983/1000)

Pezo: 50 g

Diametro: 38 mm

Medalisto: A.A. Molenaar

Jaro: 1965

Valoro: 25 steloj

### *Averso:*

Granda, kvinpinta stelo kun valorindiko 25 STELOJ kaj skribo:
"UNIVERSALA LIGO" kun jarindiko 1965.
Dekstre de la valorindiko: signo de la monfarejo, maldekstre: signo de la monfarejestro

### *Reverso:*

Busto de Zamenhof, rigardanta maldekstren kaj ĉirkaŭa skribo:
"D-ro L.L.ZAMENHOF KREINTO DE ESPERANTO"

### *Rimarko 1:*



Fiŝo: signo de monfarejestro J.W.A. van Hengel

### *Rimarko 2:*



Merkurbastono: signo de la monfarejo

### *Rimarko 3:*

Pri la eldonkvanto ni legas en "Vivo de Andreo Cseh" de Ed Borsboom, sur paĝoj 262-263:
*"La nova peco egalis la arĝentan, nur diference sur la rando ĉiu ero portis numeron respektive 1/10, kaj sub la portreton de Zamenhof la gravuristo metis la vorton PROOF. La kvanteto rapide ricevis sian destinon: kelkaj estis venditaj, unu Andreo sendis al la muzeo en Vatikano, alian al muzeo en Usono.*
*Li almenaŭ tenis tri ĉe si mem, supozeble por utiligi kiel medalon por meritplenaj samideanoj."*




*Tutkore ni dankas sinjoron Borsboom el Nederlando, kiu sendis al nia redakcio la tre bonkvalitajn fotokopiojn de la ora monero. Bedaŭrinde mankas la numero en la rando.*

## B.1. **Tipo D 1 – Esperantaj Unuflankaj medaloj**

### Julio Baghy (1891-1967)







Lando: Latvio

Kvanto: nekonata

Metalo: bronzo

Pezo: nekonata

Diametro: 75 mm

Medalisto: Jānis Strupulis

Jaro: 1989

### *Averso:*



Busto de Julio Baghy kaj skribo: "JULIO BAGHY 1891-1967" kaj kroma skribo "■ DAŬGAVA MUĜAS… DAŬGAVA BRUAS…■ VAGA VENTO LATVAN ŜIPON SKUAS…" kaj skulptista sigelo + jaro.

### *Rimarko 1:*

La sama medalo ekzistas ankaŭ en argilo.

### *Rimarko 2:*

La medalo estis farita omaĝe al la fama hungara verkisto Julio Baghy, kiu esperantistiĝis en 1911. Lia ampleksa agado komenciĝis en Siberio, kie li estis militkaptita de 1916 ĝis 1921. Poste li iĝis Esperanto-instruisto en Hungario kaj de 1928 ĝis 1932 li gvidis Cseh-kursojn en Belgio, Estonio, Francio, Latvio kaj Nederlando.

### *Rimarko 3:*

La surskribo "■ DAŬGAVA MUĜAS… DAŬGAVA BRUAS…■ VAGA VENTO LATVAN ŜIPON SKUAS…" venas el poemaro de Baghy. Sur paĝo 24 de "La Vagabondo kantas, simplaj versoj (Julio Baghy)", Budapest: la geamikoj de la aŭtoro, 1933,59 + 5p. 16,0 cm troviĝas la kompleta poemo.

*Dankon al nia Marc Vanden Bempt el Belgio pro la informoj kaj la fotokopioj!*

## B.2. **Tipo D 1 – Esperantaj Unuflankaj medaloj**

### Kolomano Kalocsay(1891-1976)






Lando: Latvio

Metalo: bronzo

Diametro: 77 mm

Jaro: 1989

Kvanto: nekonata

Pezo: nekonata

Medalisto: Jānis Strupulis

***Averso:***

Busto de Kolomano Kalocsay en rektangulo kaj skribo: "KOLOMANO KALOCSAY 1891-1976" kaj skulptista sigelo, **sed sen jarindiko**.



***Rimarko:***

Medalo omaĝe al la hungara esperantisto Kalocsay, kiu iam ankaŭ aktivis en Latvio. Li esperantistiĝis en 1913. Profesie ĉefkuracisto en hospitalo de Budapeŝto kaj verkisto de multaj poemoj. Li donacis multajn neologismojn al la vorttrezoro de Esperanto. Brila, altnivela tradukisto.

# *A S P E K T O J   D E   N U M I S M A T I K O*

## Medala Arto kaj Arta Medalo

1. **Enkonduko**
   La loko de la medalo en la medio de plastikaj artoj troviĝas ie inter la grafikaĵo kaj la bareliefo. Kiel en aliaj plastikaj artoj en la medala arto nepre temas unuflanke pri la materialigo de sentoj kaj ideoj, aliflanke pri la konkretigo de komisio.

2. **Difinio**
   Provoj difini la terminon "medalo" kondukas nur al svagaj ĉirkaŭfrazoj, kiuj rezultas nur en nekontenteco. Probable tion kaŭzas la senlima riĉeco de tiu arta branĉo.
   **Medalo estas tridimensia kreaĵo, facile reproduktebla en solida materialo, en mano-formato (*), kies tria dimensio estas reduktata ĝis maksimume reliefo (**). Ĝi ne estas nepre farata por esti surhavata (***).**

   (*) devas esti tenebla en unu mano, por esti sentata kaj admirata
   (**) diference de bareliefo kaj eta skulpturaĵo
   (***) diference de ordeno kaj juvelo

   **Reverso kaj rando estas kromaj, aldonitaj ecoj (****)**

   (****) la rilato inter averso kaj reverso ebligas envolvi la tempon, kiel kvaran dimension de la kreoproceso (la momentfoto iĝas rakonto) kaj la elstara rando, kuniganta la du flankojn, povas doni diversajn informojn kiel la nomon de la monfarejo, la daton de fabrikado, la uzatan materialon kaj eventuale la eldonkvanton.

3. **Aspektoj**
   Preskaŭ ĉiu tamen akceptas, ke medalo havas *ecojn*, kiel "mano"-formato, reliefo, duflankeco kaj facila reproduktebleco.

3.1. Evidente medalo estas ankaŭ *atestaĵo* pri ŝanĝiĝanta mondo. Pro la solideco de la materialoj ili senĉese atestos pri nia mondo, kiam ni jam delonge ne plu vivos.



3.2. Medalo havas ankaŭ *valoron*. Krom la interna valoro (materialo kaj produktokostoj), ni agnoskas la artan valoron (la laboro de la medalisto por skizi kaj realigi la medalon). Krome medalo havas kolektovaloron, kiu dependas de la kolektanto, kiu uzas proprajn kriteriojn koncerne rarecon, sendifektecon kaj konformecon al unu specifa temo.

3.3. La kutima, *ronda formo* ŝuldiĝas al la pionira, tradicia stampotekniko. Ekde la enkonduko de modernaj teknikoj, la unua alternativo estis la ortangula formo, la t.n. plaketo. Ĉar ĝi pli ofte estas unuflanka, ĝi sufiĉe ofte estas ornamcele enkonstruata, sed tio ne estas ĝenerala kutimo. Ekzistas ankaŭ plaketoj kun reversa teksto, eĉ kun reversa bildo.



Alegorio pri amo, aspekto kaj mono




Premio pro merito




Revidu jarkolekton 2, numeron 3!

Poste artistoj-medalistoj eksperimentis kaj senĉese eksperimentadas kreante severe geometriajn ĝis ege fantaziajn kaj neregulajn formojn.

La nura aktuala priforma postulaĵo estas, ke la artaĵo estu admircele tenebla en nur unu mano. Tiel oni povas alterne rigardi ambaŭ flankojn.

Nuntempe medalistoj foje kreas objektojn, kiuj havas karakteron de etaj skulpturaĵoj kaj / aŭ juveloj. Ĉu oni tiurilate limigu la du fenomenojn aŭ ĉu oni akceptu ankaŭ tiajn interaĵojn?




Ĉu surpaperigita medalo aŭ skulpturaĵo?

# *M E D A L I S T O J*

## 6. A. A. Molenaar (? - ?)



Malgraŭ multaj perretaj petleteroj al diversaj instancoj en Nederlando, kiuj sendube havas arkivojn pri la epoko, kiam ekiĝis la stelo-moneroj, ni sukcesis akiri informojn nek pri la homo Molenaar, nek pri la artisto-gravuristo kaj ties laboraĵoj.

*A.A. Molenaar, gravuranta la stelo-monerojn*

Ni do turnis nin al nia prinumismatika pioniro kaj ENA-membro Hans Jankowski el Dortmundo (Germanio), kiu tiel respondis en letero de la 22a de junio 2016:

"(…) A.A. Molenaar estis gravuristo de la monerfarejo en Utrecht. Li certe ne skizis la aspekton de la moneroj. Tio okazis ĉu de pastoro Cseh aŭ de liaj helpantoj. Vidu ke stelomoneroj tre similas al spesmilo-monero. Ekzistas pluraj diferencaj skizoj por la moneroj. Pri tio sur pluraj paĝoj raportas nederlanda gazeto de monerkolektantoj. (…) Sur la fronta paĝo estis la esperantomonero. Ene ĉio estis en la nederlanda lingvo kaj multaj skizoj kaj raporto pri malfaciloj realigi la eldonon. (…)"

La ĝenerala direktoro de UEA, sinjorino Veronika Poór, promesis serĉi foton kaj pliajn informojn pri Molenaar. Eventualajn rezultojn vi trovos en venonta rubriko "Spikumaĵoj & Suplementoj".

La fotoj en ĉi artikolo estis represitaj el "Esperanto-Mono" de H. Jankowski, dua kaj kompletigita eldono, 2000. Kun permeso de la aŭtoro.



*Estraranoj de Universala Ligo kaj gvidantaj mondfederalistoj observas naskiĝon de la mondmoneroj*

# *H I S T O R I A J   A S P E K T O J*

## La steloj de Universala Ligo (2)

### B Novaj Esperanto-moneroj

Fine de oktobro 1959 'Rijks Munt (=Ŝtata Monofarejo) ricevis leteron de sinjoro G.E. Koudijs [kaŭdejs] en Utrecht, en kiu li – en la nomo de la sekretario de Universala Ligo – demandas, ĉu eblus farigi monerojn.


J.W.A. van Hengel

Koudijs skribis, ke "la estraro de la nomata ligo ricevis la rajton farigi internacian monon kaj uzi ĝin." Oni celis mendi valorojn de 1, 5 kaj 10 steloj. Rimarkoj skribitaj sur la leterpapero montras, ke la afero ŝajnis sufiĉe stranga por la estro de la Ŝtata Monfarejo d-ro J.W.A. van Hengel. Li demandis sin, kio estas Universala Ligo kaj kiu estas tiu sekretario. La Nederlanda Banko informis lin, ke temas pri Esperanto-organizaĵo, kies sekretario estas iu Andreo Cseh. Sekve Van Hengel invitis sinjoron Cseh viziti lin la 6an de novembro 1959. Cseh estis akompanata de sinjorino Julia Isbrucker. En la daŭro de la konversacio estis menciata ankaŭ la monerfiguro, kiun oni deziris farigi profile sur bronza plaketo. Tiu laŭdire estis jam uzita en 1912 por fari la spesmilo-monerojn. Tiu plaketo estus ankoraŭ en Svislando (ĉe la firmao HOLY FRÈRES en St-IMIER), sed ĝi ŝajnis tute forvaporiĝinta. Do Van Hengel petis ilin sendi al li la spesmilo-moneron, kiu al li estis montrita dum la vizito je la 6a de novembro 1959. Baldaŭ li ricevis mesaĝon, ke sinjoro Cseh estas "eksterurbe" kaj ke oni posedas nur unu ekzempleron de la koncerna monero.


Juliua Isbrucker


Andreo Cseh

Nur je la 13a de januaro 1960 la Internacia Esperanto-Instituto (IEI) reparolis pri la afero. Post multa penado oni estis sukcesinta trovi duan ekzempleron. Krome estis aldonitaj indikoj pri la dezirata teksto. Jam la 14an de januaro 1960 ekzemplero de la jubilea monero 1887-1912 estis alportata al la Ŝtata Monfarejo en Utrecht de sinjoro W. Baaten. Probable tuj surloke estis farita galvana kopio, ĉar jam la 15an de januaro 1960 la monero estis resendita en registrita koverto.

Je la 1a de februaro 1960 la Ŝtata Monfarejo sendis oferton. Ĝi proponis diametrojn de 20, 23 1/2 kaj 28 mm por la valoroj de respektive 1, 5 kaj 10 steloj. La prezoj inkluzivis la sendokostojn. La 1- kaj 5-steloj en saketoj po 1000, tiuj de la formato 28 mm en saketoj po 500. La aluminiaj moneroj havus glatan randon. Sed estis alternativo. La definitiva mendo de 10 000 ekzempleroj de ĉiu valoro sekvis la 11an de februaro 1960. IEI tamen preferis la alternativon kun noĉrando kaj petis por ĉiu valoro uzi alian metalon. Oni konsentis do por 5 steloj uzi latunon anstataŭ bronzo. La mendaĵo devis esti liverota la 1an de julio rilate al la venonta UK en Bruselo.



Sekve IEI sendis kelkaj skizojn kaj la Ŝtata Monfarejo proponis fari la reversojn samaspektaj – kiel kutimis por ŝtataj moneroj – krom por la valoroj. Dum nova vizito en Utrecht je la 1a de marto 1960 estis decidita doni malsimilan reverson al ĉiu monerotipo. Tio tamen plialtigis la prezojn.



*Ensenditaj skizoj*



*Propraj skizoj*

Ĉiuj moneroj montras la jarindikon 1959, sed la ekfabrikado okazis nur en 1960. Post lasta peto de IEI al la monferejo, sendi ankoraŭ kelkajn seriojn de fotoj de la gipsmuldaĵoj, la stampado komenciĝis kaj la moneraro estis sendita la 30an de junio 1960.




Daŭrigota

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo (7):*

**en creux:** *franca numismatika termino, kiu indikas la teknikon por fari matricon (per kavigo de ŝtalo)*

**en poinçon:** *franca numismatika termino, kiu indikas la teknikon por fari patricon (per fortranĉo de ŝtalo por krei reliefon)*

**epoksi**rezin**o:** *artefarita materialo, komence maldike likva, post kelka tempo ege malmola. Vaste uzata kiel kompozito. Specife uzata por fari muldaĵon de medalmodelo, kiu, post malmoliĝo, estas reduktata (vidu "modelreduktilo").*

**frezi:** *prilabori metalon (lignon, oston ks.) per ilo el hardita ŝtalo, provizita per akraj eĝoj, muntita sur tre rapide turniĝanta akso*

**frontflanko:** *antaŭa flanko, averso*

**jarindiko:** *stampojaro, emisijaro*

**modelreduktilo:** *aparato por redukti la skanon de gipsa medalo-modelo ĝis dezirataj mezuroj*

**patinigi:** *aldoni al metalo naturaspektan, alteracian tavolon, nature kreiĝantan kaŭze de oksidiĝo de metaloj*

**ŝmirmono:** *koruptaĵo*

**talero:** *germana arĝenta monero*

stracio: Köln am Rhein (Kolonjo apud Rejno), Brüsseler Strasse 94, Germanlando.
io: Ĉefredaktoro: Teo Jung; respondeca redaktoro: Joseph Ferdinand Berger;
redaktoro: Michael Wieland. La redakcio ne resendas manuskriptojn aŭ foto-
jn nepetitajn; retenu por vi kopion! Honorario provizore nepagebla. Subtakoj:
ko kaj Preselo. Skribante al ni, uzu por ĉiu fako (administracio, redakcio, libro-
aj presejo) apartajn foliojn! Telefono: n-ro 5 68 93. Prezo de abono (nur antaŭ-
15 germanaj markoj; mendita per la poŝto aŭ rekte ĉe la eldonejo en Köln aŭ
oficialaj filioj en diversaj landoj 12 germanaj markoj, trimonate 3 germ. markoj

# DE ESPERANTO

MAJNA SENDEPENDA ORGANO DE LA ESPERANTO-MOVADO · UNIVERSALA · ILUSTRITA

ULAJ ALDONOJ: Lingva Kritiko, monata revuo por lingvaj demandoj;
la Mondo, monata paĝo por turismo, banoj, trafiko ktp.; Nia Revueto, du-
organo por la Esperanto-Junularo; La Strigo, dumonata paĝo pri literaturo
to; Humoro, Distro, Ludo, dumonata paĝo por distrado: La Anteno, radio-
Sur la kvin Linioj, paĝo pri muziko: La Regno Virina, paĝo por virinoj.

Anoncoj: unucentimetra kolonero (62 mm larĝa) kostas 1.20 gmk.
Anonceto: ĉiu vorto aŭ milonigiko kostas 0.05 gmk. (nur antaŭ-
page) minimume 1.— gmk. Rabato: 3 x enpreso 10%, 5 x 15%
10 x 20%. Por pagoj uzu prefere niajn poŝtajn ĉekkontojn (ĉiuj
niaj kontoj funkcias sub la firmo „Heroldo de Esperanto, Köln.

Germanlando"): Bruxelles 204.404, Budapest 59.379, København
49.62, Köln 1117.76, Milano 3/954, Praha 78.193, St. Gallen IX/4602,
Stockholm 41.80, Warszawa 191.094, Wien D 62.473, Zagreb 408.14,
Zeist 130.630. Banka konto: A. Schaaffhausen'scher Bankverein.
Filiale der Deutschen Bank und Disconto-Gesellschaft, Köln.

-ro 26 (679), 8-paĝa — Dektria jarkolekto — 3 julio 1932

## speranto-valuto"

De D-ro Hj. Unger.

Antaŭ la mondmilito Londona Ĉek-banko Esperantista dum sep jaroj kalkul-laboris per „Esperanto-valuto". La granda milito detruis ankaŭ ĉi tiun institucion. La aŭtoro de ĉi tiu artikolo, D-ro Unger, estis tenanto de l' konto n-ro 691.

taŭ la anglaj deputitoj s-ro Winston
chill antaŭ ne tre longa tempo star-
ensacian postulon, por kiu li varbis
en Ameriko. Kiam li, estro de la
ervativa partio, parolis pri valor-
de l' ŝilingo kaj atentigis pri la
nacia valut-kaoso, li diris laŭvorte:
. . . poste mi atendas de la regist-
ro, ke ĝi kreu specon de Esperanto-
aluto sur la bazo de l' sterlingo."
peranto-valuto? Ĉi tiu vorto tra-
la gazetaron de la tuta mondo, sed
u sciis pri ĝia plena signifo. Kaj
n, la angla ŝtatisto ne faris novan
on, ĉar tia valuto efektive ekzistis.
e oni konsideras ĝin nur eksperi-
to.
anko fondita tiucele dum sep jaroj
tike elprovis la Esperanto-valuton.
a mondmilito ne estus disŝirinta la
nojn de ĉi tiu entrepreno kaj se la
edanto ne mortus baldaŭ poste, su-
eble oni estus aŭdinta pli pri ĉi tiu
resa eksperimento en la publika
o. Sed ĝi vaporiĝis en la ekscititaj
poj de l' milito, kaj nur nun, post 15
j, ĝi ree elcindriĝis. Malgraŭ ĉia
emo konsilinda en ĉiuj demandoj de
uto, la eksperimento bazas sur gran-
kaj sana penso, kiu eble iam por la
nonda komerco estos la savo el la
so de la malfirmaj naciaj valutoj:
internacia kalkul-valuto.
a ideon de helpvaluto trovis la Ĝe-
a matematikisto Prof. D-ro René de
ussure, kiu en 1906, legante Esper-
o-ĵurnalojn diverslandajn, konstatis,
abonprezoj, anonckostoj kaj prezoj
la proponitaj komercaĵoj ĉiam estis
ikitaj en la valuto de l' aperlando aŭ
la interesiĝanto. Pro tio, ke tiuj ga-
oj turnis sin al legantoj en la tuta
ndo. Prof. de Saussure ekhavis la
ison krei unuecan valuton.
tiu internacia valormezurilo ne an-
taŭu la naciajn valutojn, sed staru
apud ili. Do enlande marko, franko,
lo, jeno, krono, dolaro, liro, guldeno,
seto, ŝilingo, drakmo, piastro kaj mil-
so estu uzataj kiel ĉiam; nur por
rilatoj kun la eksterlan-
estis proponata internacia unueca
luto, kiu ebligis al ĉiu eksterlandano
r nur unu multobligo trovi la respek-
an prezon en la valuto sialanda.
Prof. De Saussure nomis sian helpmonon „spesmilo", bazante ĝin sur
gramoj da oro je 11/12, kio teorie ko-
spondas al purora valoro de 0.733
amo. Ĉar ora dudek-franko enhavas
3064, ora dudek-marko 7.168 kaj kvin-
laro 7.523 gramojn da pura oro, por
spesmilo rezultis valoro de 2.526 orfrankoj, 2.046 ormarkoj kaj 0.4875 ordolaro.

La Esperanto-gazetaro rapide akceptis ĉi tiun ideon, kaj baldaŭ ĉiuj prezoj estis notataj krom en sia nacia valuto ankaŭ en la internacia helpvaluto. En multnombraj eldonej-katalogoj (la Esperanto-literaturo jam tiam nombris preskaŭ 2000 volumojn!) kaj en la prezlistoj de diversaj firmoj ni same trovas la spesmilon.

Tio instigis s-ron Herbert F. Höveler, germanan grandindustriiston kiu vivis en Londono, fondi bankon, por praktike elprovi en la negocado la Esperanto-valuton. La „Ĉekbanko Esperantista", fondita en 1907, haltigita de la mondmilito kaj fine ĉesigita post la morto de Höveler, lastatempe nombris 1027 klientojn en 43 landoj de la tuta tero. Inter ili troviĝis 54 Esperanto-gazetoj en 26 landoj, kaj multaj Esperanto-unuiĝoj. Sed ankaŭ gravaj entreprenoj kun konsiderindaj debitoj estis klientoj de l' banko, ekz. UEA en Genevo kun preskaŭ dekmilo da membroj, la internacia Ordeno por Etiko kaj Kulturo, la belga Ekspozicio de Charleroi, la konata angla vojaĝ-oficejo de Cook, la Komerca Ĉambro de Vaŝingtono kaj multaj eksportfirmoj. En Germanujo la konata Dresdena banko de Gebr. Arnhold, en Svislando la Bankunuiĝo reprezentis la interesojn de la ĉekbanko.

Atentindan teknikan novaĵon kreis Höveler per internacia poŝt-




Supre: **Internacia Esperanto-ĉeko.**

Tial ke helpvaluto estas konsiderata nur privatvaluto, dum ĝi ne estas oficiale notata, la Londona Ĉekbanko Esperantista estis apoginta la spesmilon sur la angla valuto, kiu tiutempe estis opiniata neskuebla. Per tio la spesmil-ĉeko ĉiumomente povis esti ŝanĝata en sterlingo-ĉekon kaj povis fariĝi „diskont-kapabla".



Meze: **Prof. D-ro René de Saussure,**

la Ĝeneva matematikisto, jam antaŭ 25 jaroj, en 1906, iniciatis la fondon de internacia kalkulvaluto. La „spesmilo", kiun li elpensis, estas nomata ankaŭ „Esperanto-valuto". D-ro René de Saussure estas nepo de tiu Ĝeneva naturesploristo Horace-Bénédicte de Saussure, kiu efektivigis la unuan sciencan atingon de l' supro de Blankmonto.

Malsupre: **Poŝtkarto kun Esperanto-ĉeko.**

La maldekstra duono estas detondebla ĉeko favore al la ricevanto de la poŝtkarto. Ĉi tiu pagmaniero simpligas kaj malmultekostigas la transpagon de malaltaj monsumoj de unu lando al alia.




## La Prezidanto de la Franca Respubliko akceptas la patronecon de la 24-a Esp.-Kongreso.

La Prezidanto de la Franca Respubliko, ...joro Lebrun, akceptis la honoran protekt-...on de la 24-a Universala Kongreso de Es-...ranto.
En la honoran komitaton eniris s-ro Her-...ot, ĉefministro, kelkaj ministroj, deputitoj ...j senatanoj de diversaj partioj, scienculoj ...p.

En la hodiaŭa numero:
**„La Bela Mondo"**
**Paĝo por turismo, banoj kaj trafiko.**

kartaĉeko. La poŝtkarto konsistas el du duonoj: la dekstra duono estas, kiel ordinare, destinita por la adreso, la dorsflanko por sciigoj; sed la maldekstra duono estas deŝirebla pagilo. Tio estas sukcesa provo faciligi la transpagon de malaltaj sumoj de unu lando al alia. Ĉar la internacia poŝtmandato ne estas tiel internacia, kiel oni supozas. Ekzistas gravaj landoj, kiuj ne konas ĝin, ekz. Hispanujo. Aliaj landoj, ekz. Grand-Britujo kaj Svislando, transkribas en la lim-poŝtejoj ĉiun eksterlandan pagmandaton sur novan formularon, tiel ke ĉiu sciigo de l' sendinto al la adresito per si mem malaperas. En kelkaj ŝtatoj la elpago de eksterlanda mandato estas sufiĉe komplika, ĉar la poŝtisto ne portas la monon en la domon, sed nur avizas, ke ĝi povas esti deprenata en tiu aŭ tiu poŝtejo, kiu — kelkfoje — povas esti en tre granda distanco.

Höveler kolektis siajn spertojn sepjarajn en malgranda broŝuro, komprenebla neniel atentita dum la militjaroj. Ĉar la unuopaj naciaj valutoj ankaŭ dum tempo de paco ne havas fiksan rilaton unu al la alia (per kio estas klarigebla la malsukceso de la skandinava kaj poste ankaŭ de la latina mon-unio), Höveler postulas la ĉiutagan fikson de internacia kurzo, ĉe la mondborsoj. Tio povus fariĝi plej facile per tio, ke oni apogus la helpvaluton sur la valuton de ekonomie sekurigita lando aŭ, pli bone kaj pli logike, sur la valoron de l' kemie pura oro aŭ de alia produkto same valortaksata en la tuta mondo. La spesmilo montriĝis iomete malpraktika nur per tio, ke ĝi estis dividita en mil unuojn, ne en cent, kiel la plej multaj landaj valutoj.

La eksperimento de la Esperanto-valuto mallaŭte kaj senbrue malaperis en la mondmilito, sed ĝi ne restis tute sen atento: eĉ ekspertoj rigardis ĝin kun bonvolo. Jam antaŭ multaj jaroj la franca Societo por Akcelo de la Sciencoj favore juĝis ĝin, kaj nur antaŭ kelkaj malmultaj monatoj la Unuiĝo de la Francaj Konsilistoj de l' Ekstera Komerco transdonis al la registaro la deziron, ke ĝi senprokraste efektivigu la „planon de internacia kalkul-valuto".

Sub tiu ĉi plano estas komprenata nenio alia ol la sama Esperanto-valuto, kiun la brita ŝtatviro Winston Churchill faris nova agitvorto en la diskutado pri valutoj.

(La kliŝojn disponigis kaj la represon afable permesis: „Die Umschau", ilustrita semajna revuo pri la progresoj en scienco kaj tekniko, Frankfurt a. M. 1, Germanujo.)

*Ni denove dankas nian membron Marc Vanden Bempt, kiu sendis kopiojn de la artikolo el "Heroldo de Esperanto" de la 3a de julio 1932.*

**R E T P O Ŝ T O**

de vi por ni!

## Reagoj kaj konversacioj

23.04.2016 15:55

Saluton Bert,

Mi bonorde ricevis ĉi numeron. Bedaŭrinde ial mi ne retrovas la unuan numeron de ĉi tiu jaro. Ĉu vi povus sendi al mi kopion?

Dankon!

Amike,

Marc

23.04.2016 16:11

Fu!
Problemo jam solvita… la solvon mi trovis en la aktuala numero 2. Mi elŝutis ĝin ĉe bitoteko ;-)

Marc

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

23.04.2016 18:23

Tämä viesti on kuittaus lähettämällesi viestille
Vastaanottaja: "Bert Boon" <bert.boon@skynet.be>
Aihe: ENA-revuo jarkolekto 3 numero 2
Päiväys: 23.4.2016 16:21
Huom! Kuittaus tarkoittaa vain sitä, että viesti on avattu vastaanottajan tietokoneella. Se ei tarkoita että vastaanottaja on myös lukenut tai mmärtänyt viestin

25.04.2016 10:36

Kara samideano,

Mi bone ricevis vian reagon, bedaŭrinde ne kapablas kompreni ĝin. Krom Esperanto, mi nur komprenas la anglan, la germanan kaj la francan.

Kore kaj samideane,

Bert

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

23 .04.2016 18:45

Farite: http://hdl.handle.net/11013/5077

Amike,

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko

25.04.2016 10:33

Dankon, kara Ana!

En la venonta numero aperos letero de membro, kiu "perdis" la antaŭan numeron kaj sendepende retrovis ĝin dank' al la anonco pri Bitoteko sur paĝo 29!

Kore,

Bert

25.04.2016 22:11

Mi ĝojas! Kun intereso mi legos la leteron.
Amike,

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

24.04.2016 7:27

Brave,

Denove ege interesa numero!

Koncerne nian konversacion pri elektrumo: vere eblas vidi diferencon inter pli blanka kaj pli flava alojo. Tio dependas evidente de la kvanto da arĝento. Elektrumo natura kutime enhavas pli da oro, sed pli granda kvanto da arĝento ankaŭ ekzistas.



En muzeo Louvre, en Parizo, troviĝas bovlo dukolora, farita per elektrumo en la 8a- 7a jarcento kaj elfosita en Idaliono (Kipro).

La elektrumo farata de Karla, la oraĵistino kiu estas mia dungantino, estas pli pura ol la natura. Fandenda estas pura arĝento kaj 24-karata oro en proporcio 50:50. Plejeble pura alojo, kompreneble.

Iam mi legis, ke en antikva Egiptio la pli pala elekrumo

estis uzata por ornami konstruaĵojn, kiel la pinton de piramido, la supron de obelisko kaj la famegajn pordegojn de la templo de Karnako, krome la plankon kaj la internajn murojn de la tria templo-korto en la sama templo. Sendube grandioza aspekto, ĉu ne!

Por skulptaĵoj kaj numismatikaĵoj oni preferis la pli flavan (do kun pli da oro) varianton. Ne vere mirinde, ĉar la dioj havis oran haŭton! Nur statueto de dio Thot estis farita per la pala alojo. La kialo estis, ke tiu dio estas lundio kaj evidente li havas blankan haŭton!

Peter Reynaerts

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

24.04.2016   8:01

Kara Bert,

Pri la medalo por la X-a UK en Parizo (p. 9 de via lasta numero) - mi kredis laŭ la koloro de mia ekzemplero, ke ĝi estas arĝenta, ne kupronikela. Mi devas kontroli la mian denove!  Ĉu vi estas certa pri la metalo?

La bildo de mia ekzemplero aperis (erare?) sub "Insignoj" inter la datumoj, kiujn mi sendis al vi je la komenco de via projekto.

Sincere,
Martin

25.04.2016   10:17

Kara Martin,

Dankon pro via mesaĝo!
Eblus, ke ekzistus ankaŭ arĝentaj ekzempleroj, mi ne scias.

Mi posedas du ekzemplerojn. Ambaŭ mi testis neprofesie laŭ la sono de la metalo sur ŝtona fundo kaj komparis kun sonoj de arĝenta kaj kupronikela monero. Tiel mi provizore konstatis, ke ambaŭ miaj parizaj NE estas arĝentaj. Krome, UEA aktuale vendas ĝin kiel raraĵon je nur 1,50 eŭroj! Tro malmultekosta por arĝentaĵo, ĉu ne?

Laŭ kategorio ankaŭ mi konsideras ĝin kiel insignon, pro la "okulo" por rubandeto.

Ĝi bedaŭrinde mankas en la katalogoj de Hans Jankowski
.
Mi krome intencas peti teston de amiko-juvelisto. Mi raportos pri la rezulto!

Amike,
Bert

25.04.2016 11:19

Kara Bert,

Dankon por via respondo. Mi ĵus kontrolis la mian, kaj trovis kelkajn malsamecojn kompare kun la detaloj en via priskribo - la mia pezas 9,25 gramojn (ne 8,75), kaj la bazo mezuras 32 milimetrojn, ne 31. Dikeco 1,5 mm, ne 2. La oblikvaj flankoj estas 9 mm, ne 8. Ĉu eblas, ke la mia estas "origina" arĝenta ekzemplero, kaj tiuj nun vendataj de UEA estas "postaj" kopioj? Estas ankaŭ malgrandaj malsamecoj en la detalo de la literoj: la streketo sub la "A" estas pli dika kaj eble pli longa en via bildo; la punkto inter KONGRESO kaj PARIS estas pli granda kaj kvadrata, kaj la maldekstra vertikala linio en la lasta O de KONGRESO estas preskaŭ vertikala; dum en la mia, la streketo estas pli maldika/mallonga, la punkto pli malgranda kaj ronda, kaj la vertikala parto de tiu O estas kurba. Interesus min vidi foton de la alia flanko de viaj ekzempleroj - la mia havas du streketojn (reliefaj, ne ĉizitaj/skrapitaj, do temas pri tranĉetoj en la matrico, el kiu oni faris ĉi tiun insignon, ne en la insigno mem). Tiuj streketoj probable estas videblaj en ĉiuj ekzempleroj, kiuj estis faritaj per la samaj matricoparoj.
Fotoj sekvos ...

Sincere,

Martin

25.04.2016 11:26

Kara Bert,

Jen la fotoj de mia ekzemplero de la Pariza insigno. La streketo sub la "A" ŝajnas pli dika en mia foto, ol sur la insigno mem - eble la samo okazis en via foto :-)

Sincere,

Martin




05.07.2016 0:46

Saluton kara Martin,

jen mi denove post tro longa silentado. Mi pardonpetas pro la prokrastrego, sed mi ŝparigos al vi la liston de kialoj.




Ĉiel, mi petis konatulon kiu laboras en vendejo de oraĵistino ekzameni la du ekzemplerojn el mia kolekto. Li konstatis, ke ili (probable) konsistas el kupro-nikelo kun ege maldika tavolo de arĝento. Ili do ne estas arĝentaj, sed avare arĝentumitaj.

Mi aldonas bildojn de miaj du ekzempleroj. Vi rimarkos, ke la reversoj montras la samajn streketojn kiel la via.

Apotikistino pesis la montratajn medaletojn kaj konstatis, ke unu pezas 8,75 kaj la alia 9,03 gramojn! Pri kelkaj mezuroj vi pravas kaj mi do korektas: bazo: 32 mm; dikeco: 2 mm; oblikaj flankoj: 9 mm.

Amike,

Bert

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

25.04.2016 10:04

Estimata,

plej koran dankon pro la alsendo de la nova ENA-revuo 2/2016!

Korajn salutojn,
Bernhard Tuider

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

26.04.2016 14:56

Kara Bert,
dankon pro la perfekta ENA. Ĝi ege plaĉas al ni.
Kompreneble ni elprintas ĝin kaj kolektas ĝin.
Ni esperas je revido en 2017. Eble ni ofertos dum printempo 2017 seminarion pri kolektado, ĉar kaj private kaj kaj por la Esperanto-Centro kaj pro faka klerigado ni bezonos tion.

Petro kaj Zsofia el Herzberg am Harz...la Esperanto-urbo

p.s.
Momente ni prezentas belan ekspozicion "Esperanto kaj ekslibrisoj" sur la Esperanto-platformo en la kastela muzeo.

--
*******************************************
http://esperanto-urbo.de (multlingva)
Esperanto-instruado, biblioteko, muzeo je via servo:
Germana Esperanto-Centro/Interkultura Centro Herzberg

D-37412 Herzberg/Harz - la Esperanto-urbo
Grubenhagenstr. 6, Tel: +49/(0)5521-5983

http://www.herzberg.de
http://ic-herzberg.de (kun fotoalbumo)

26.04.2016 22:09

Karaj Zsofia kaj Petro,

Tutkore mi dankas vin ambaŭ pro via pozitiva mesaĝo. Vere taŭga instigo por igi nin daŭrigi niajn provojn prezenti altkvalitan revuon.

La seminario pri kolektado estas tre laŭdinda projekto. Mi deziras al vi sukceson!

Ĉu eble ekslibrisoj el tiuj de la ekspozicio estas troveblaj en la Reto?

Amike kaj numismatike,

Bert

26.04.2016 22:33

Kara Bert,

dankon pro via afabla respondo.
La ekspozicio pri ekslibrisoj ne estas en la reto, simple mankas la homfortoj.
Estas multaj Etaskoj kaj veraj bonŝancoj en "la Esperanto-urbo".
Amike salutas
Petro kaj Zsofia

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

26.04.2016 21:00

Kara Bert!

Ĉu vi permesas sendi vian ĉi gazeton al la hungaraj babiladlistoj por esperantistoj? Eble ĝi interesus iujn.
Adri

26.04.2016 21:59

Kara Adri,

Estus por mi ĝojo povi sendi la revuon al tiu samideanaro. Se mi ricevus de vi ilian retadreson, mi tre volonte sendus al ili la novan numeron kiel provnumeron kaj post pozitiva akcepto ("ni volas membriĝi") mi sendus ĉiujn malnovajn kaj venontajn numerojn. Nur se vi konsentas. Eble vi preferas alian manieron?
Krome, mi dissendos la informojn pri la hungaraj ŝercoj en Esperanto, kiujn vi antaŭe sendis al mi.

Kromkrome mi volas tutkore danki vin, ke vi atentigis min pri Jozefo Horvath, kiu estas efika, klera kaj fakula provleganto, ne plu malhavebla por ENA!

Danke kaj tutkore,

Bert

26.04.2016 22:22

Kara Bert!
Mi estas sincera. La listanoj ne tre ŝatas legi, ĉar mi ne spertas ilian klopodon tiurilatan. tamen mi ofte bombas ilin per tekstoj por legi. Eĉ, la nun senditan informon pri la ŝercoj neniu respondis. Nu, nur provo estus de mia flanko sendi al ili legi vian gazeton belan kaj riĉhavan. Ĝuste pro la priskribitaj, nomojn kaj adresojn sendi mi ne scias. Veras, ke pli frue ni havis multajn mistajpojn inter la ŝercoj, sed je nun ili estas jam korektitaj, do mi povas rekomendi la ŝercaron por legi.
Se vi plusendos la informon pri la ŝercaro, bonvolu informi ankaŭ sinjoron Horvath. Mi dankas la plusendon.
Alia: plaĉas al mi la Numismatiko. Kiel eblos, mi daŭrigos la legadon de via gazeto tre interesa.
Elkore mi salutas vin:
Adri

28.04.2016 20:51

Kara amikino,

Mi tute komprenas, kion vi volis klarigi al mi. Mia propono ne vere taŭgas, sed kiam mi reskribis, la situacio al mi ne estis konata.
Do mi fidas vin kaj lasas al vi liberajn manojn, por ke vi povu mem decidi kiel plejeble taŭge agi in ĉi tiu kazo.
Mi tamen tre ĝojas, ke vi volas informi pri ENA kaj ĝia revuo kaj ege plaĉas al mi, ke via juĝo pri la revuo estas tiel pozitiva kaj instiga por mi por daŭrigi mian laboron koncerne la numismatikan projekton. Dankon!
Ĝis reskribo.
Kore,
Bert

28.04.2016 21:43

Bone kara amiko Bert. dankojn pro via permeso. Via revuo meritas pli da atento kaj mi tre ŝatus, se iuj volus legi ĝin krom mi kontraŭ tio, ke mi ne pagas pro tiu legebleco al vi. Bona estos, se la aliaj hungaroj sciiĝos pri tio. Refojan dankon pro la aperigebleco.

Amike

Adri Pásztor

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

28.04.2016 12:44

Kara Bert!

Ĝoje mi legis la novan numeron de la ENA-revuo! Dankegon!

Ĉu mi rajtas plusendi ĝin al la hungara listo heamembraro@googlegroups.com?

Plej amike

Ludoviko Molnár

28.04.2016 16:00

Kara amiko Ludoviko!

Mi ege aprecias vian pozitivan reagon. Krome, mi petas eventuale ne forgesi mencii, kion mi povus laŭ vi plibonigi aŭ plibeligi.

Vi vere ne bezonas mian konsenton por dissendi la revuon aŭ unuope la tekston sur la lasta paĝo. Bonvolu dissendi ĝin en ĉiujn direktojn de nia blua planedo! Dankon!

Korajn saluton al vi kaj via edzino!

Bert

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

28.04.2016 23:09

Kara Bert,
Mi volonte aliĝus al ENA kaj volonte ricevus la reteldonaĵojn.
Amike,
Monika

29.04.2016 14:54

Kara Monika,

Mi ege ŝatas vian aliĝon al ENA! Mi kore bonvenigas vin kiel 47an membron de nia asocio. Mi supozas – laŭ via retadreso – ke vi estas italino. Vi estas la dua membro el tiu lando.

Aldone mi sendas nun al vi ĉiujn jam aperintajn numerojn. Mi esperas, ke la aspekto kaj la

enhavo multe plaĉos al vi. Viaj reagoj estas ĉiam ege bonvenaj.

Kore kaj amike,

Bert Boon, Iniciatoro de ENA, Finredaktoro de "Esperanta Numismatiko"

29.04.2016 15:10

Kara Bert,

Dankon pro ĉio! Fakte, la retadreso estas trompa, mi bone parolas la italan sen esti italino. Mi estas hungarino loĝanta jam delonge en Svislando.

Amike,
Monika

02.05.2016 13:31

Kara Monika,

Pardonon, se mi ĝenas vin, sed mi volas esti certa, ke vi bonorde ricevis la dek numerojn.

Permesu ke mi demandas al vi kiel vi trovis la adreson de ENA. Laŭkutime mi persone dankas membrojn, kiuj varbas novan membron.

Samideane kaj numismatike,

Bert

03.05.2016 7:13

Kara Bert,

La 28an de aprilo aperis la suba letero sur la hungara E-listo "esp-en-hung":

***Karaj listanoj!***

***Mi ricevis permeson de la revueldonanto por aperigi ĉi tie la la revuon pri la Numismatiko, ĉar ĝi meritas, ke multaj homoj legu. krome, ĝin lektoras lingve nia samideaqno Jozefo Horváth.***
***Vidu, kaj ĝuu  ĝin, aliĝu al amikaro de ĝiaj ŝatantoj!***
***Amike Adri Pásztor***

Do, jen de kie mi ekaŭdis pri ENA. Kaj ĉar mi havas tre longdaŭran intereson pri filatelio kaj iom pli mallongan pri numismatiko, pro tio mi kontaktis vin.

Koncerne la numerojn:
Mi bone ricevis 4 numerojn de la 1a jarkolekto, la 2an tute ne, ĝi venis kiel malplena mesaĝo kaj same bone mi ricevis la 2 numerojn de la 3a jarkolekto.

Amike,
Monika

03.05.2016 21:38

Saluton kara Bert,
Jen, ĉi-foje mi bonorde ricevis ankaŭ tiujn ĉi numerojn. Dankon!

Amike,
Monika

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

16.06.2016 22:41

Saluton Bert,

Dum mi ordigis kaj plikompletigis la revukolekton de "Heroldo de Esperanto" en la biblioteko de FEL, mi hazarde trovis artikolon kiu certe interesos vin.

Jen aldone skanita versio. Ĝi estas iom komplike farita pro la (kompare al la A4-normo de la skanilo) tro granda formato de Heroldo, sed tamen vi plene trovos ĝin.

Fonto: Heroldo de Esperanto, N-ro 26 (679), 8-paĝa, dektria jarkolekto, 3 julio 1932.
Ĝi plenigas la unuan paĝon kaj la supre-maldekstran parton de la dua paĝo.

Amike,
Marc

17.06.2016 11:50

Saluton Marc,

Dankon denove! Ege interesa kaj uzinda artikolo por la rubriko"El la gazetaro" Ankaŭ vi estas vere aktiva kunredaktoro de ENA. Tio entuziasmigas min!

Amike,

Bert

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

22.06.2016 18:54

Karaj Elda kaj s-ro Boon,

Kaj kun honto kaj kun ĝojo mi skribas al vi. Honto pro malfruo, ĝojo pro plenumo de promeso.

S-ro Boon, mi prizorgas la paĝaron de ELF/AREK ĉe mia servilo, per la adreso http://kolektado.esperanto.cc
Elda petis min jam de monatoj inkluzivi informojn de ENA kaj Numismatiko, sed finfine mi povis dediĉi min al tio. Mi petas vin rigardi http://kolektado.esperanto.cc/ena

Miaj "amataj ĉevaletoj" en Esperantujo estas filatelo - http://bit.ly/Babelo kaj pioniraj poŝtkartoj (ĝis 1939), sed pro la historiaj aspektoj, mi rigardas kun intereso la esplorojn sur numismatikaj kampoj. Bonvolu aldoni mian adreson al la dissendolisto de "Esperanta Numismatiko".

Viaj proponoj por la paĝaro estas bonvenaj.

Amike,
James

James Piton
Brazilo

05.07.2016 16:17

Karaj James kaj Elda,

Mi pardonpetas al vi ambaŭ pro la prokrasto de mia reago kaj mi ŝparigas al vi la liston de kialoj kaj kaŭzoj!

Evidente mi estas tre entuziasma pri la paĝaro de ELF/AREK inkluzive kun informoj pri ENA. Jen granda lukso por ambaŭ niaj fakgrupoj kaj ĉio aspektas ege profesia.

Kompreneble mi dankas nepre ankaŭ nian Eldan, kiu sukcesis konvinki vin krei la paĝaron por kaj la filatelistoj kaj la numismatoj, ambaŭ rondoj de kolektemuloj.

Kara James, mi ankaŭ dankas vin pro via aliĝo al ENA kaj mi bonvenigas vin kiel 48an membron. Gratulon al vi! Aldone mi sendas al vi ĉiujn jam aperintajn numerojn kaj ĉiujn aperontajn.

Iom timeme mi volas sendi al vi peton. Mi konstatis, ke iu ajn nun povas legi la aperintajn numerojn en la paĝaro. Ne gravas, male, sed tiel interesuloj ne plu emos aliĝi al ENA. Vi sendube komprenas ke, asocio volas varbi membrojn (eĉ senpage kiel ni). Jen do mia propono: bonvolu ekde la 2a numero nur montri la titolan paĝon kaj la enhavotabelon, se eble. La unua numero estu tute legebla, kiel provnumero. Mi esperas, ke mia propono ne kaŭzos al vi tro da problemoj…

Amike al vi ambaŭ,

Bert

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

05.07.2016 19:17

Mia kara Bert,

mi konsentas kun vi rilate al la nepublikigo de la kompletaj numeroj de la revuo Esperanta Numismatiko. Ja, pli bonas ke homoj rekte anonciĝu al vi, esprimante la deziron fariĝi membro de la asocio kaj sekve ricevi la revuon. Mi ne scias, ĉu James jam respondis aŭ ne, sed mi kredas, ke certe li respektos vian opinion kaj kontentigos vin. Antaŭ ol mi forgesu: ĉu vi ricevis koverton enhavantan poŝtkarton kun la stampo pri la ekspozicio? Jam delonge mi

sendis ĝin, mi timas ke ĝi perdiĝis. Mi nun klopodas iom pretigi rilate la UK-on: nome por la fila-ekspozicio en Nitra, varbmaterialojn kaj diversajn prezentaĵojn perekomputile por la kunveno de ELF-AREK k.a. Mi ŝatus havi ankaŭ ion, propagandcele, de la E-Numismatika Asocio. Pripensu kion vi ŝatus prezenti al publiko, ĉar certe dum la kunveno mi parolos pri via asocio. Mi hastas, kiel kutime, tial rapidrapide vin salutas. Brakumon al Vivi amike
Elda

05.07.2016 23:50

Tre kara amikino,

James jam respondis ke ankaŭ li konsentas pri mia propono, kaj montros nur la koverton. Do ni bone interkomprenas. Dank' al vi mi denove malkovris interesan kaj afablan personon, krome la unuan Brazilanon kiu aliĝis al ENA!
Pro la samaj kialoj kaj kaŭzoj, kiujn mi flanke menciis antaŭe, mi ankoraŭ ne reagis por sciigi al vi, ke mi bonorde ricevis la belegajn koverton kaj poŝtkarton. Mi vere bedaŭras tiun prokraston. Dankon! Dankon!
Post unu semajno mi certe havos denove iom da tempo kaj emo por pripensi la plej efikan kaj facilan manieron por informi pri ENA.
Tre ofte mi vere bedaŭras, ke mi ne ĉeestos por asisti kaj akompani vin kaj agrable interparoli dum la UK. Eble iam denove! Korajn salutojn al vi ambaŭ de

Bert

05.07.2016 19:39

Dankon, Bert, pro viaj afablaj vortoj. Certe jes, mi tuj lasos nur la kovrilojn kaj instigos al aliĝoj al ENA.

Amike,
James

6.07.2016 18:15

Kara James,

Mi unue esperas, ke vi bonorde ricevis ĉiujn aperintaj numerojn de la ENA-revuo kaj ke ĝi plaĉos al vi...

Mi kore dankas vin pro viaj konsento kaj ŝango de la paĝaro. Se iam iel mi povus asisti aŭ helpi vin, ne hezitu kontakti min!

Amike kaj samideane,

Bert

**A N O N C O J**

**&**

**E V E N T O J**

# Esperanto-Ligo Filatelista/Amika Rondo de Esperantaĵ-kolektantoj (ELF-AREK)

Kolekti Esperantaĵojn kaj geamikojn!

Ĉefpaĝo La Verda Lupeo Filatelo Numismatiko Bildkartoj Referencoj Kontakto Aliĝu!

## Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)



Antaŭ nelonge belga esperantisto fondis tute novan fakgrupon esperantistan, **Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)**, kies celo estas informi esperantistojn mondvaste pri esperantaj medaloj, moneroj kaj diversaj aliaj pagiloj kaj numismatikaĵoj.

Jam dum pli ol 20 jaroj Bert Boon kolektas, pristudas kaj priskribas la E-numismatikon. Li konstatas, ke la esperanta numismatiko estas ne sufiĉe konata inter esperantistoj kaj ke ĝi tamen estas tre riĉa kaj historie grava kampo por rikolti multajn sciindaĵojn pri la Esperanto-movado.

Tiu, kiu volas membriĝi, simple sendu retmesaĝon pri tiu deziro al ***bert.boon* @ *skynet.be***

La membreco estas senpaga kaj dumviva. Ne estas kaj ne estos estraro; ĉiuj membroj estas egalvaloraj kaj rajtas komuniki pri ĉiuj aspektoj de la nova grupo.

Ankaŭ senpaga estas la reta revuo *Esperanta Numismatiko* (kvarfoje jare; unua numero en januaro 2014) kies redaktoroj (aktivaj aŭ ne aktivaj) estas la membroj mem. La iniciatinto estas nur la "araneo" en la centro de la "reto", kiu kolektas kaj dissendas informojn de unuopaj membroj, novaĵojn, ktp. al ĉiuj membroj.

Bulteno *Esperanta Numismatiko*

Aliĝu senpage kaj ricevu la aperintajn numerojn de *Esperanta Numismatiko*. Dume, legu specimenan numeron:




**Jarkolekto 2014**

- 2014 – Numero 1 (elŝutu)
- 2014 – Numero 2
- 2014 – Numero 3
- 2014 – Numero 4




**Jarkolekto 2015**

- 2015 – Numero 1
- 2015 – Numero 2
- 2015 – Numero 3




**Jarkolekto 2016**

- 2016 – Numero 1



## Bitoteko

Se vi hazarde aŭ akcidente forviŝis kompletan numeron de “Esperanta Numismatiko”, vi tutsimple serĉu en Google por retrovi la kompletajn jarkolektojn de nia revuo.

Agu tiel:

### Google

Skribu en Google: *bitoteko.esperanto.es:8080/jspui/handle/11013/7*

Klaku: **Bitoteko - Federación Española de Esperanto**

Vi ricevos: **Bonvenon al Bitoteko!**
**Jen la bitoteko de Hispana Esperanto-Federacio**



**Gazetoteko · Hemeroteca Ĉefpaĝo de la sekcio**

Iru suben kaj trovu: **Kolektoj en ĉi sekcio**
Pli suben al:  Esperanta numismatiko [2014- ]

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko
biblioteko@esperanto.es

Ni tutkore dankas Ana Manero-n pro ŝia iniciato.



Karaj membroj!

Bonvolu dissendi la suban tekston al plejeble multaj esperantistoj, kies retadreson vi posedas. Nur tiel la nombro de ENA-anoj povos vere kreski. Via helpo estas bezonata! Mi anticipe dankegas vin!

Bert

Estimata samidean(in)o,

pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto en la historio de Esperanto, estis fondita en 2013 la probable unua fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko".

La instiga kialo estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro de moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur du jaroj ĝis 46 individuaj membroj kaj 15 esperantaj bibliotekoj k. muzeoj, dise en la mondo.

Agrable estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!
Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi") kaj krome la *PERRETA* revuo ankaŭ estas tute SENPAGA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, oni tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn (4 n-rojn jare).

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en Jarlibro 2015 sur p. 68. Se vi deziras pliajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be!

Vi rajtas unue peti provnumeron!

Kun numismatikaj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"